# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 27/05/2012 Kvardeknaŭa Eldono 2012 26/05/2012 SENDITA

**Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!**

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ (se erara, informu min. rspring@tpg.com.au)

**Esperanto** havos 125 jarojn je 26a Julio, 2012

**La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,**

**La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.**

**E-Vintro-Evento** okazos en Adelajdo kaj apuda Sheidow Park Ŝtat-Lernejo ekde la vespero de vendredo la 8a ĝis la vespero de lundo la 11a de junio 2012 (la naskiĝdatreveno de la Reĝino)

## Aŭstraliaj Esperantistoj havas ĉ 200 legantojn

Do legu, sendi viajn komentojn, opiniojn, pensojn, ideojn, demandojn, kritikojn al AE. (Cŭ mi devas diri esperante?)

La AE liston mi preparis de malnovaj listoj kaj novaj aliĝantoj al la novaĵletero. Ĝi ebligas la amasan elsendon da informo, gazetoj kaj novaĵo al ĝia legantaro. ..Mi uzas "Blind Carbon Copy" konservi privatecon

La retadresoj mi kontrolis per la elsendo de la novaĵleteroj.
Ankaŭ mi sendas Telopeon kaj Tamen Plu per la AE adresaro.
Sendu viajn lokaj gazetoj per retmesaĝo kaj mi resendos al 200 legantoj

"Aŭstraliaj Esperantistoj" Adresaro ne estas disponata al individuaj Esperantistoj aŭ petantoj Roger Springer rspring@tpg.com.au

Se vi ne legas la novaĵleteron via estas perdo kaj vi ankaŭ ne etike rajtas

kritiki ĝin. Egale multaj spertuloj? kritikas Esperanton sed ne konas ion pri ĝi.

Jen vi povas legi pri mi sur la blogo de "The universal language"
http://esperantodocumentary.com/blog/esperanto-via-rakonto-nicole-else
Rimarku, ke mi profitis de la okazo por inviti eksterlandajn esperantistojn tranokti en Esperanto domo. Nicole Else nicole@cryogenic.net

Notu pagu $5 kaj "la universal lingvo" estas "downloaded" al via koputilo
vidu la suprenan blogon http://esperantodocumentary.com/blog/esperanto-via-rakonto-nicole-else

# MALMULTEKOSTA LERNOLIBRO

**Gvidlibro "BYDGOSZCZ kaj Itineroj de Ludoviko Zamenhof en Pollando kaj Europo"**

Okaze de 666 jaroj de Urbo BYDGOSZCZ (Pollando) kaj 125 jaro de ESPERANTO Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo, Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo kaj Internacia Klubo ESPERANTOTUR en Bydgoszcz eldonis Gvidlibron "BYDGOSZCZ kaj Itineroj de Ludoviko Zamenhof en Pollando kaj Europo" kun akompanoj mapoj de la Itineroj. Tiu valora Esperanto gvidlibro estis kunfinancita de bugxeto de la urbo Bydgoszcz, kio ebligis gxian eldonon. La gvidlibron kun mapoj eblas ricevi perposxte pagante po kvin Euroj po du kompletoj kun sendokostoj. Eblas ankau ricevi eldonagxojn „Ŝtatoj, landoj kaj lingvoj de la mondo" kun koloraj mapoj de la mondo, Europo kaj urbo Bydgoszcz, kie estas signitaj Esperanto-kontaktoj en 135 landoj de la mondo. Tiam du kompletoj de ambau eldonajxoj kun sendokostoj Vi povas ricevi pagante nur dek Euroj al la konto de Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo en Bydgoszcz, str. M. Sklodowskiej-Curie 10, Pollando – banka konto
Bank Pocztowy SA O/Bydgoszcz Konto **n-ro (IBAN): PL 80 13201117 2034 0100 2000 0001,SWIFT kodo POCZPLP4** por Internacia Centro
Oni povas ankau la samajn sumojn pagi al la konto de Universala Esperanto-Asocio en Roterdamo, Nederlando por subkonto **iktc-j** kaj informi nin pri tio perposxte au rete: info@esperanto.bydgoszcz.eu Tiu-cxi favorpreza oferto validas gxis la fino de junio 2012 au gxis elcxerpigo de la eldonajxoj. Dankon pro Via interesigxo pri tiu valoraj turismaj Esperanto – eldonajxoj.

***Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo,***
***Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo***
***Internacia Klubo ESPERANTOTUR***
***str. M. SKŁODOWSKIEJ-CURIE 10, 85-094 BYDGOSZCZ, POLLANDO***
***TEL/FAX: +48 52 346-11-51 e-mail: esperanto-turismo@wp.pl kaj info@esperanto.bydgoszcz.eu***
Sendis Max Wearing mwearing@internode.on.net

Por havi vian nomon kaj ideojn ĉi tie, skribu al mi. Dankon Nicole, vi skribas ofte

## La Internacia Kongresa Universitato en Hanojo.

Okazos 9 prelegoj dum la Internacia Kongresa Universitato en Hanojo. Du el tiuj prelegoj estas de aŭstralianoj (Jonathan Cooper kaj Trevor Steele). Jen tie eblas legi la resumon de la prelegoj http://uea.org/dokumentoj/IKU/prelegoj.php?jaro=2012



Jonathan **Cooper** – Moderna arto: kio ĝi estas kaj de kie ĝi venas?

**Moderna arto: kio ĝi estas kaj de kie ĝi venas?**



Trevor **Steele** – Ĉu genocido pro neglekto? La malapero de la tasmaniaj aborigenoj

**Ĉu genocido pro neglekto? La malapero de la tasmaniaj aborigenoj**

Grupo de sudaŭstralianoj (marcela vort-elekto) sendis bondezir-karton al Marcelo antaŭ kelkaj tagoj, kaj ni ĵus ricevis de Marcel unu-paĝan dank-leteron en Esperanto kaj tre interesan longan eseon en la angla sub la titolo "My God", kiun li verkis post siaj du koratakoj.

Eble vi ricevis similan mesaĝon, sed mi nun citos tamen el lia letero: "Mia unua



koratako, je la unua de Aprilo, estis forta kaj vundis la koron, kaj misigis la batritmon. Oni donis medicinaĵojn por ĝustigi tion, sed ili tuj rompis la intestojn. Pro tio la kuracistoj diris, ke ili ne povas ripari la koron kaj ke mi vivos dum nur kelkaj pluaj tagoj. Post tio mi havis duan sed malpli fortan koratakon, post kio la koro mem retrovis sian batritmon, kaj mi do povos pluvivi se mi bonŝancos kaj bone zorgas pri mi mem. Tio ne facilas, se oni estas laborema. Mi krome suferis pro pneŭmonio." La bona novaĵo estas, ke la cerbo ankoraŭ bone funkcias, ĉu ne?"

Amike, sendis Max Wearing mwearing@internode.on.net

## Sydney Language Meetup Festival 2012

(41 ĉeestis) EFNSK Direktoro de Meetup: Dmitry Lushnikov

Fw: raporto pri festivaleto pri lingvoj Nicole Else nicole@cryogenic.net

## Lingva festivalo en Sidnejo la 26an de majo 2012

Gi komenciĝis je la 10:30 matene. Preskaŭ 40 personoj partoprenis, pluraj venis al Esperanto domo por la unua fojo. Ni spektis prezentojn de 8 diversaj lingvoj kaj ni aŭskultis prelegon en Esperanto pri moderna arto.

La unua prezentita lingvo estis la kalaŝa lingvo. Kie kaj kiu parolas tiun lingvon, vi eble demandos. Fakte malpli ol 6,000 personoj parolas ĝin. Ĝi estas lingvo parolata en parto de Pakistano. La frato de Jonathan Cooper, kiu nomiĝas Greg flue parolas la kalaŝan, ĉar li kaj edzino loĝis dum iom da tempo en tiu parto de Pakistano. Dum la prezento ni povis aŭskulti Greg babili en la kalaŝa kun la edzino. La kalaŝa lingvo ne estis skribita lingvo dum longa tempo, sed nun ekzistas alfabeto por skribi ĝin kaj espereble la riĉa kalaŝa kulturo ne tute malaperos.

Jen foto farita dum la prezento de la kalaŝa lingvo. Esperanto Domo 26/5/2012



La dua prezentita lingvo estis la urdua, vaste parolata en Pakistano. Ĝi tre similas al la hindia lingvo kaj fakte povas esti konsiderata kiel la sama lingvo. Tamen oni skribas la urduan lingvon per la araba alfabeto.

La tria lingvo pri kiu ni aŭdis estas la greka lingvo. Ni povis konstati similecojn inter la greka kaj rusa alfabetoj.

Poste estis la vico de la nederlanda lingvo. Ni provis kanti en la nederlanda lingvo.

Kaj jen estis la vico de Esperanto. Richard Delamore vigle prezentis Esperanton.

Iom post la dua horo ni aŭskultis prelegon de Jonathan Cooper pri moderna arto. Kompreneble la prelego havis ankaŭ bildojn. Jonathan vivigis la prelegon per ĵeto de objektoj sur la plankon kaj demandante kio estas vera arto, kio estas nur hazardo. Li ankaŭ ŝajnigis esti Peter Upward pentrante grandan artaĵon. Vi povas legi lian prelegon tie http://doctordada.com/moderna-arto.html

Poste estis la prezentado de la rusa lingvo. Dmitry invitis du muzikistojn kaj kantistinon kiuj kune kantis rusan kanton.

Sekvis la prezento de la korea lingvo. Ĝo instruis al ni kiel skribi nian nomon per koreaj literoj. Se nomo komenciĝas per vokalo, ni devas skribi unue cirklon.

Kvankam la skribmaniero estas horizontala, foje oni skribas konsonantojn sub alia silabo. Ekzemple en mia nomo Nicole, mi devas skribi "l" sub la silabo por "ko" kaj ne post "ko".



jen kelkaj el la aŭskultantaro de la prelego en Esperanto pri moderna arto. Esp Domo

La lasta lingvo estis la portugala lingvo. Al la demando "kiel vi fartas", oni respondas "Tudo azul" (tute blua) por indiki ke ni bone fartas. Eble tiu esprimo estas nur en la brazila portugala lingvo. Mi ne certas.

Por fini ni vidis 5 personan teatraĵeton pri la Esperanto vivo de Julie Regal. Inter la eroj ni kompreneble ricevis bonajn manĝaĵojn.

Konklude la tago estis tre interesa. Tamen la programo estis eble iom tro plenplena, ne estis multe da tempo por fari demandojn, supozeble sufiĉus prezenti 6 lingvojn. Mi pensas, ke ni ja povus reorganizi tian tagon. Ekzistas proksimume 5,000 lingvoj, do se ni prezentas 6-8 lingvojn/tago, ni ja povas okazigi multajn festivaletojn sen bezono prezenti ree la samajn lingvojn.

Ĉi-jare kaj pasintjare mi proponis al Ignite Sydney paroli pri Esperanto, sed ili rifuzis, tamen du aliaj personoj sukcesis en aliaj urboj, unu en Hindio kaj nun unu en Usono, vidu:

**Ignite Fort Collins 11: Simmon Keith Barney - "Esperanto is "like Klingon" and Other Myths"** http://www.youtube.com/watch?v=8TQGVh025E4

Amike, Nicole Else nicole@cryogenic.net

# Nova retgazeto en Esperanto: http://hypallage.wordpress.com/ MWAA (Multicultural Writers Association of Australia) bonvenigas vin.

Karaj Membroj kaj Amikoj, Gefratoj en Belartoj,

Bonvenon al **Hypallage**, nia ret-gazeto, kiu celas la antaŭenigon de kultura diverseco, pozitive dissemadante informadon kaj liberecon de opinio.




Mi kredas ke **Hypallage**, antaŭenpuŝos, per interŝanĝado de debato, analizo, kreado kaj kontribuado, komunan kontakt-punkton, kiber-centron, spacon por via literatura verkado. Post iom da tempo, **Hypallage** fariĝos ankaŭ lokon de debato, analizo, kreado, kaj kontribuado.
Mi kuraĝigas vin partopreni kaj uzi ĉi-tiun potencan ilon de amikeco kaj komunikado.

Via kontribuado eĉ pli bonigos ĉi-tiun literaturan spacon, liverante oportunojn por kune aŭ individue labori pri projektoj rilate al Verkado, Kultura Diverseco kaj temoj kiuj rilatas al Aktuala Kulturo en Aŭstralio kaj la Mondo.

MWAA dankas nian Vic-Prezidanton, Jorge Salavert, kies ideo naskigis Hypallage.

Bonkore Via en Belartoj,

**Jorge René Galleguillos-Pozo** <**multiculturalwriters@hotmail.com**>
President, Multicultural Writers Association of Australia Inc.

The Universal Language Bezonaĵoj (Angle)
http://www.youtube.com/watch?v=8FD-z3JCCzM&feature=related part 1
Universal language part 2
Henriette Vanechop <hetinjo2@bigpond.com>